# Etnismo




N-RO 13 INFORMILO PRI ETNAJ PROBLEMOJ 15.06.76

# KVAR IDIOMOJ EN LA AOSTA VALO







Më dze crèyo d'avei ren fë pe receivre ci cadò, perqué,
se dz'i dedià a Cerlogne euna par de mina vìa,
l'est perqué

La Trinité
Gressoney
St. Jean
AOSTE
Châtillon
Issime

...z'i reiçù de sa compagni précieusa totte le joëce que tsaqueun
de no pou receivre d'eun ami seuncéro, avouë qui l'a passà
tan de s-an a predzé et à sentì predzé de sa vìa dediaye totta
a sa petchouda patrìa et a sa lenga di cœur.



SCUOLA ELEMENTARE
ECOLE ELEMENTAIRE





# AOSTA VALO - ĈU SURVOJE AL AŬTONOMIO?

La ekzisto de apartaj statutoj por ĉiuj 2o regionoj (ampleksantaj diversmultajn provincojn) ne kredigu ke Italio estas aŭtentike federacia ŝtato. Jes ja, kvin el tiuj havas tiel nomatajn specialajn statutojn, sed konsekvencojn oni apenaŭ sentas en Sicilio, Sardio, Supra Adiĝo/Trento, Friulo/Julia Venecio kaj Aosta Valo, ĉar la leĝoj kreintaj tiujn specialajn statutojn estas malatentataj kaj ĉar Romo nuligas regionajn leĝojn.

Okaze de la ĉi-jara kunveno de AIDMLK en Châtillon (25 km oriente de la urbo Aoste) ni jen prezentas kelkajn detalojn pri la lingva situacio de tiu regiono. Por ĝenerala informiĝo servu jenaj indikoj:

> La urbo Aoste estis fondita en la jaro 25 antaŭ nia erao kiel kolonio "Augusta Praetoria" por romiaj ekssoldatoj.
>
> La regiono ampleksas 3.262 km² kaj havas proksimume 110.000 enloĝantojn, el kiuj proks. 35.000 vivas en la ĉefurbo.
>
> La Aosta Valo estas ĉirkaŭata de la plej altaj montoj de Eŭropo: Blanka Monto, Monte Rosa, Matterhorn, Gran Paradiso kaj aliaj, kaj ĝi havas nur unu mallarĝan aliron al Italio, sed du interligojn kun Francio kaj unu kun Svisio.
>
> Gravas la kultivado de grenoj, fruktoj kaj vinberoj, la produktado de hidrelektro kaj la ferindustrio.

En Aostio (= Aosta Valo) iel kunekzistas kvar idiomoj: unue, la subdialektoj de la franc-provenca (aparta formo de la franca lingvo), due, la franca, trie, la itala, kaj kvare, ... la germana. Tiu lasta etno ampleksas nur tri vilaĝojn (Gressoney-la-Trinité, Gressoney-St.-Jean kaj Issime) kun sume proks. 1.600 enloĝantoj, el kiuj du trionoj parolas la germanan respektive ties lokan dialekton. Tiuj germanlingvuloj, kiuj nomas sin "Walser" (termino parenca al la svisa kanton-nomo "Wallis/Vaud"), tute ne estas menciitaj en la Aosta statuto. Ili disponas pri mizere malmulta instruado pri la germana: du semajnhoroj en la elementa kaj tri semajnhoroj en la mezgrada lernejoj surbaze de libervolo kaj sub la premo de manko de instruistoj. Kelkaj privataj kaj oficialaj surskriboj estas (ankaŭ) germanlingvaj (vidu la titolpaĝon).

La ĉefa etno en Aostio, kompreneble, estas la franc-parolantoj. Sed proksimume 50.000 enloĝantoj estas fremduloj, plejparte italoj el ĉiuj partoj de la respubliko. Tiuj enmigrintoj kaj la altega nombro de ital-etnaj ŝtatfunkciuloj formas potencan faktoron de italigo de Aostio --- tendenco subtenata de la Komunista Partio same kiel de la Kristandemokrata!

Aostio "ĝuas" sian specialan statuton depost la 26-a de februaro 1948. La tiudata "konstitucia" leĝo kreis la Konsilantaron de la Valo kiel regionan parlamenton kaj la Estraron kiel administran organon. Sed ekzistas ankaŭ kuratora instrumento de la centra respubliko: la Kunordiga Komitato, en kiu membras du reprezentantoj de Romo kaj nur unu de Aostio kaj kiu benas regionan leĝon nur, se ĝi ne kontraŭas la statuton nek la "interesojn de la nacio" ....

La franca lingvo aperas en nomtabuloj de stratoj kaj komunumoj. Ĝi estas instruata en la lernejoj kiel f r e m d a lingvo, kaj la sola instrulingvo estas la itala, dum en la abiturienta ekzameno la kandidato rajtas elekti la francan kiel laborlingvon. La instruistoj devas submetiĝi al - ofte farsa! - ekzameno pri la franca lingvo, kaj estas absolute maleble dungi instruistojn el Francio aŭ franclingva Svisio.

Malgraŭ la oficiale ekzistanta dulingveco en Aostio ekzemple komunum-konsilantaraj protokoloj estas plejofte itallingvaj kaj la tribunalaj protokoloj rajtas esti nur en la itala. La radio estas ekskluzive itallingva, sed, de mallonga tempo, la aostianoj povas rigardi la 2-an francan televidoprogramon, kion la itala ŝtato konsideras granda donaco al Aostio. Novaj franclingvaj filmoj ne estas videblaj, francaj libroj malfacilege akireblaj, kaj telefonvoko al ekzemple Savojo devas esti petata en la centro de Torino, kie la telefonistoj ne scipovas sufiĉe la francan. (Kompreneble, ĉiujn italojn ĝenas la malebleco rekte diski eksterlandan telefonnumeron, sed por etna minoritato tia situacio estas aldona obstaklo survoje al kontaktado kun la "patrina etno".)

Dum en la plej multaj minoritataj regionoj de Eŭropo la katolika eklezio ludas rolon favoran al konservado de la minoritata kulturo (ekzemple en Burgenlando, Eŭskadio, Katalunio, Bretonio, Karintio k.a.), la klerikaro de Aostio - kun malmultegaj esceptoj - verve kontribuas al la italigo de la indiĝenoj.

Aparta aspekto en tiu ĉi regiono estas la kunvivado de la literatura franca lingvo kaj de dialektoj el tute speciala branĉo de la franca: franc-provencaj dialektoj. Tiuj parolformoj nur lastatempe estas skribataj ankaŭ ekster beletro, kaj estas iom nekompreneble kial Savojo ne levis la parolformojn al literatura/oficiala lingvo. Ŝajnas ke niatempe la franca normlingvo eĉ perdas parolantojn kontraŭ la dialekto, kiu tamen neniel ĝuas oficialan protekton aŭ akcelon.

Ĉiuj ĉi problemoj de la franca etno en Aostio havas ekonomiajn aspektojn, kiuj ĝenerale ludas sian rolon en la detruo de la indiĝena vivmedio. La kapitalismo, celanta ekspluati ĝis maksimumo la fontojn sin prezentantajn kie ajn, forlogas la homojn el siaj hejmoj, ĉu milojn da kilometroj for, ĉu nur malgrandan distancon. La kapitalismo instigas al neglekto de ekonomi-branĉoj alisistemaj, kaj ĝi trudas al la homoj gustojn - ofte artefaritajn - kiujn ĝi planas respondi per siaj produktoj. La bela diro ke instalo de nova fabriko kaŭzas ekziston de aro da laborlokoj estas vero, sed ..... kiu okupas tiujn laborlokojn? Ĉu la indiĝenoj? Ofte ne, ĉar la kapitalistoj kunportas siajn specialistojn (kion laste dokumentis la ekzemplo de "Grandi Motori" en Triesto). - Alia ekonomie gravega faktoro, ankaŭ en Aostio, estas la t u r i s m o, kiu estas samtempe gravega minaco. La turistoj estas bonstataj kaj emas elspezi sian monon por aĉeti la terenojn de la indiĝenaj terkulturistoj. La komunumoj multakaze eĉ partoprenas tiun kamuflitan eksproprietigon, ĉar ili vidas neniun alian vojon por akiri financajn rimedojn por "modernigi" sin: Ili prezentas faciligojn al turismo-kapitalistoj, konstruas novajn stratojn kaj parkejojn kaj detruas pli kaj pli la originan vivmedion. Plia sekvo de tiu moderna misuzo de tereno estas la ekstrema limigo de agrikulturo kaj la fina neceso importi varojn antaŭe produkteblajn en la propra regiono.

Aostio ne deziris t i a n statuton, sed veran aŭtonomion. Fine de la Dua Mondmilito dekmiloj da aostianoj petis kaj postulis ĝin, sed neniu internacia aŭ eksterlanda instanco aŭskultis ilin. Tiel Italio povis ŝajnigi sin cedema per la provizora statuto de 1945 kaj la posta supre menciita leĝo. La separatismo malfortiĝis pro neeĥo de ekstere, kaj Italio povis prezenti la seniluziigon.

Nuntempe la "Komitato de la Aostiaj Tradicioj" agadas por la konservo kaj subteno de la regiona kulturo, kaj la politikan batalon por aŭtonomio efektivigas la "Aostia Unio".

* * * * * * * * * * *

# FINFINE, ‹AVUI› APERIS!

Antaŭ proksimume 18 monatoj ETNISMO (n-ro 8/31.12.1974) raportis pri elstara evento de la kataluna kultura vivo: la apero de la 1-a numero de POBLE ANDORRÀ la 1-an de decembro 1974. Evidente tiu okazintaĵo estis eksterordinare grava por Andoro serĉanta sian identecon inter la premantaj Francio kaj Hispanio, sed tiu taggazeto - kun eldonnombro de nur 3.ooo ekzempleroj - ne povis nutri la katalunan etnon, kiu ampleksas pli ol 5 milionojn da homoj!

Jen denove kataluna evento: La 23-an de aprilo 1976, la tagon de la Sankta Georgo, patrono de Katalunio, eliris la 1-a numero de AVUI ( = hodiaŭ)! Tiu unua numero estis presita en 123.o66 ekzempleroj, kaj multegaj personoj - pli ol 6o.ooo! - restis sen sia sopirata gazeto. Kiom oni atendadis tiun momenton! Dum 37 jaroj la katalunoj estis sen sialingva taggazeto, ne pro "forteco", "supereco" de la kastilia lingvo, sed tutsimple pro la politikaj obstakloj kaj ekonomiaj trukoj: malakcepto de eventualaj direktoroj fare de la Madrida reĝimo kaj postulo pri minimumaj kapitalo kaj abonintaro, risko de malpermeso pro ŝajnkaŭzoj. Jam de pli ol 2 jaroj en Barcelono estis faritaj plej diversaj preparoj, kaj en januaro 1976 la nova gazeto estis oficiale permesita kaj registrita. Ĉu ne iom helpis la historio, t.e. la finfina malapero de la lasta faŝismema reganto Francisko Franko? Ĉu la sin tiel nomantaj "reformantoj" povintus malakcepti la AVUI-projekton sen perdi sian krediton en la popolo (almenaŭ de Katalunio)?

Nu, kia estas la nova gazeto? Ĉi-apude ni reproduktas - en malgrandigita formato, evidente - la titolpaĝon de la unua numero, kiu nin enkondukas tute rekte en la aktualajn problemojn de Hispanio:

"Dudek mil laboristoj de metalo en striko"

"Ne ekzistas politiko sen libereco"

"Casanovas forlasas la EDC"

(EDC = "Esquerra Democràtica de Catalunya", t.e. "Demokrata Maldekstro de Katalunio")

AVUI havas formaton de 33 x 47 cm, normale 32 paĝojn (la unua numero havis tamen 56!), planitan eldonnombron de 6o.ooo ekzempleroj (el kiuj minimume 3o.ooo estas abonitaj), normalan vendoprezon (1o,- pesetoj, t.e. o,38 gm), provizore nur unu (matenan) eldonon kaj la celon NE aliĝi al kiu ajn ideologia tendenco, ĉar ĝi estu informilo por ĉiuj katalunoj sur demokratia fundamento.

Nature, en tiu unua numero de la nova gazeto oni flaras - simile kiel en nuntempaj aliaj gazetoj hispanaj - la freŝan venton de malpli mallibera informado kompare al la aŭtentike frankisma epoko. AVUI publicas alvokon de la "Konsilantaro de Politikaj Fortoj de Katalunio" kiu postulas liberecon, amnestion kaj aŭtonomec-statuton. Ni legas pri planata "marŝado de la libereco" tra Katalunio. El Alacant (kastilie: Alicante) komunikiĝas peto pri manifestacio okaze de la 1-a de majo, el Valencio oni raportas pri diskutado publika pri la "Nuno kaj estonto de la Valencia Lando". De la Balearoj venas informoj pri salajrokvereloj en la hotela branĉo, pri serĉado de identeco de Eivissa (kast.: Ibiza), pri loka memadministrado de Menorca. "La bunkro foriĝas de la reformista programo", diras raportisto el Madrido. Ne povas manki mencio ampleksa pri la socia situacio en la Vaska Lando, kie estis arestitaj 2o partoprenintoj de la Nacia Tago de la vaskoj, kie oni petis permeson por manifestacio en Bilbao ktp. ktp. La unua numero enhavas neimageblan kvanton da precipe prilibraj anoncoj: La 23-a de aprilo estas la tago de la libro.

Ĉu ETNISMO rajtas aliĝi al la vico de bondezirantoj de AVUI?

# AVUI

Any I — Número 1
Preu: 10 pessetes.
Sobrepreu d'1 pesseta per transport urgent a Balears, Madrid, Saragossa i València.
Edita: Premsa Catalana, S.A. Barcelona.
Director: Josep Faulí i Olivella.

Redacció i Administració: Diputació, 294. Barcelona-8. Telèf. 301 00 54 (10 línies)
Telex: - - - -
Tallers: Editorial Menchetta S.A. Roger de Llúria, 35. Barcelona-8.
D.L.: B. 20.349-1976

Divendres, 23 d'abril del 1976


**BARCELONA**

## Vint mil obrers del metall en vaga

Ahir, a les sis de la tarda, més de dos mil treballadors d'empreses metal·lúrgiques es reuniren en assemblea a Sindicats. Exposaren la situació laboral de les empreses que havien fet vaga a Barcelona i altres poblacions catalanes. En acabar l'assemblea, es manifestaren pacíficament per la Via Layetana cridant eslògans com **«Metal unido, jamás será vencido»**.

En arribar la manifestació a l'altura de l'avinguda Cambó, es desvià cap a la Catedral. Aleshores hi intervingué la policia antidisturbis, que disparà bales de goma sobre els manifestants. La multitud es dispersà ràpidament pels carrers del barri Gòtic.

**DEMANAVEN LLIBERTAT PER ALS DETINGUTS**

Un dels acords de l'assemblea efectuada a Sindicats, era de continuar la vaga mentre hi hagués detinguts. També cridaren «¡Libertad detenidos!» mentre circulava la manifestació per la Via Layetana. Segons informaren alguns obrers de les poblacions respectives en el transcurs de l'assemblea, han estat detinguts obrers del ram del metall a Badalona, Vilafranca, l'Hospitalet i altres llocs.

**NOMBRE DE VAGUISTES**

Es calcula en uns vint mil els obrers del metall que van fer vaga el dia d'ahir. Segons informacions sindicals, uns quatre mil vaguistes del sector metal·lúrgic corresponen a Barcelona ciutat. A Terrassa i Rubí han parat uns mil vuit-cents treballadors, pertanyents a deu empreses. A l'Hospitalet han estat més de tres mil sis-cents.

De Mataró se n'han comptat prop de quatre mil, que corresponen a unes vint-i-cinc indústries. A Vilanova i la Geltrú hi havia quatre empreses en vaga, amb més de mil set-cents obrers. A Badalona han parat dues dotzenes d'empreses, i dotze a Granollers, amb dos mil vuit-cents i tres mil set-cents cinquanta parats respectivament.

**ELS MOTIUS DE LA VAGA**

La vaga obrera del metall ha estat motivada pel laude obligatori que ahir es publicà al Boletín Oficial de la Provincia. Com que no hi havia hagut entesa en les deliberacions del conveni col·lectiu provincial, la Delegació del Treball decidí quines millores s'havien d'adoptar. El conveni afecta uns cent quaranta-set mil treballadors metal·lúrgics de Barcelona i comarques veïnes.

Cal fer notar que el laude no és aplicable a les empreses que tenen conveni col·lectiu propi. En general són les d'un més gran nombre d'obrers.

**MANIFESTACIONS A GRANOLLERS I MATARO**

Uns dos mil obrers del metall es manifestaren dimecres al vespre des del local de Sindicats fins al Pavelló esportiu municipal. Pretenien fer-hi una assemblea, però els en fou barrada l'entrada per la policia municipal. Llavors feren l'assemblea als jardins que la volten. Finalment, després d'acordar la vaga d'ahir, anaren cap a la plaça de la Casa de la Vila, on, finalmente, es dispersaren.

També hi hagué manifestació a Mataró, dimecres al vespre, després d'una assemblea semblant. Ahir es va fer una altra assemblea de metal·lúrgics al Pavelló del Velòdrom. Han acordat tornar avui al treball, amb possibilitats de noves vagues fins que es normalitzi la situació.

**J. SUBIRA**

**EDITORIAL**

## Trenta-set anys després

*Quan un diari comença, li cal, sense cap èmfasi, acomplir la missió que li pertoca: informar. Que faci trenta-set anys que no és compti amb publicació diària en català obliga, però, a remarcar-ho. La iniciativa de l'AVUI va començar quan els temps no eren gaire favorables. La fe a aconseguir l'objectiu i el fet que l'horitzó en certa manera presentí alguna clariana han dut el projecte a la realitat. 23 d'abril del 1976: AVUI surt al carrer.*

*El temps entre la inscripció en el Registre —15 de gener, ja durant la monarquia de Joan Carles— i la sortida del diari ha estat molt curt. Gairebé arriscat. Els professionals ho sabem, però no podíem defraudar la impaciència i l'expectació que el projecte ha despertat en amplis sectors del nostre poble. Tampoc, per un desig de perfeccionisme, no podíem ajornar la sortida. Tot el que és viu és fràgil, davant tants d'atzars que amenacen fora de la voluntat i les previsions. Passi el que passi, una veu escrita dels Països Catalans és ja diàriament al carrer. Amb l'elasticitat i disponibilitat del poble que vol tornar a tenir una personalitat conjunta i estructurada davant la història. Per això hem escollit la data de sortida del 23 d'abril: una festa nacional d'ampli ressò popular. Pàtria, nom de la simple realitat de la terra on es viu i treballa, i cultura, que en un alt tant per cent és, en el nostre cas, ingredient de la primera. Que totes les roses de Sant Jordi —roses d'abril, també—, que han estat sempre signe d'afirmació i esperança, tinguin un color renovellat en aquest moment de canvi vers una societat nostra més catalana i més democràtica.*

## «No hi ha política sense llibertat»

### Ricardo de la Cierva va fer el pregó del Dia del Llibre

**En la diada de Sant Jordi s'agermanen a Catalunya la tradició cultural, que es tradueix en una profusió de llibres pels nostres carrers, i una barreja de romanticisme i poesia, amb la presència de la rosa com a símbol de l'amor i de la primavera.**

**«No hi ha política cultural sense llibertat»**, va afirmar ahir el professor Ricardo de la Cierva, en el curs del seu Pregó del Dia del Llibre (que avui celebra el seu cinquantenari) pronunciat al Saló de Cent de l'Ajuntament. En el parlament, titulat «La política del llibre en el món de la comunicació», el professor va definir els punts que ell considera bàsics per al desenvolupament d'una política cultural. Abans, va fer referència al Pregó del Dia del Llibre pronunciat fa dos anys per l'aleshores ministre Pío Cabanillas, qui va afirmar que no hi ha incompatibilitat entre la cultura i la política.

**EL LLENGUATGE**

## Les paraules adients

**En una festa de final de curs, es pot escaure que el director del centre acadèmic on té lloc hi pronunciï unes paraules adients. Cal entendre, naturalment, que són paraules adients amb l'acte que se celebra. També podríem dir que un individu porta un vestit molt bonic i un barret adient. Es a dir, un barret adient amb el vestit. Perquè adient vol dir que s'adiu, que harmonitza una cosa amb una altra. La paraula adient sempre ha d'establir, doncs, una relació entre dues coses, entre la cosa a la qual l'apliquem i aquella a la qual s'ha d'entendre que es refereix.**

**Avui, adient —que algú escriu, incorrectament, «addient»— es fa servir força. El seu ús s'ha anat introduint en la llengua escrita i en el llenguatge declamatori —el que s'utilitza en al·locucions, parlaments i intervencions públiques. Sembla una mica com si es tractés d'un recurs de l'expressió acabat d'aprendre, apte per a embellir un passatge del discurs destinat a fer efecte. I se'ns parla, així, de paraules adients, de llibres adients i de cançons adients. Però resulta que algun cop no sabem —perquè no se'ns diu— què és allò amb què s'adiuen aquests paraules, aquests llibres i aquestes cançons. I aleshores hem de creure que quan diuen adient volen dir, en realitat, bonic, agradable, interessant, ben dit o ben trobat. Naturalment, no s'hi val. Com hem dit, adient significa que s'adiu (amb una cosa explícita o fàcilment deduïble). La Cançó dels adéus, cantada en el moment en què un grup de companys se separen, resulta una cançó adient. Però interpretada fora d'aquesta circumstància perd el dret a aquest qualificatiu. Es, aleshores, simplement, una cançó bonica, inspirada o ben trobada. La paraula adient s'ha de reservar per als casos adients.**

**ALBERT JANE**

## Casanovas se'n va de l'EDC

### «Crisi de creixement», diu la direcció del partit

**Jaume Casanovas i Artigas ha deixat de ser el secretari general d'Esquerra Democràtica de Catalunya, decisió que ha fet saber amb el següent comunicat:**

«A partir d'ahir, Jaume Casanovas i Artigas ha deixat de ser el secretari general de l'Esquerra Democràtica de Catalunya, a causa de profundes discrepàncies entre ell i el professor Trias Fargas. Malgrat els intents de reconciliació per part del senyor Casanovas no va ser possible de continuar el sistema d'un secretari representatiu i va procedir-se a una nova organització de l'Esquerra Democràtica de Catalunya que atorgà tots el poders absoluts al president, senyor Trias Fargas.

«Davant la nova estructura que adquereix el partit, de tipus presidencialista, he reconsiderat la meva posició i he decidit separar-me d'Esquerra Democràtica de Catalunya»

**CONTESTACIO DEL PARTIT**

Aquesta nota ha contestat la direcció del partit amb una altra, el text de la qual és com segueix:

«En relació amb algunes notícies que han circulat aquests dies l'EDC fa saber que dintre la reestructuració normal que exigeixen les seves creixents activitats i l'augment dels seus afiliats, ha pres recentment la decissió següent:

«Mentre s'arriba a la propera assamblea en què s'aprovaran els estatus definitius, les activitats del partit seran regides per una comissió permanent, composta pels següents senyors: M. Alabedra, R. Prujà, J. Prujà, J. Vergés, J. Fonollosa, E. Ametller, M. R. Juvé, L. Casals, R. Vilosa, M. Figueras, R. Trias, J. Cendrós, G. Lluch, J. M. Pi Sunyer, J. Sans, Benet, F. Rius, M. Peyà, P. Feliu, J. Pi Caparrós. Presideix, amb àmplies facultats, l'esmentada comissió permanent Ramon Trias Fargas. Tot es desenvolupara doncs amb la total normalitat d'un col·lectiu que augmenta de dia en dia la seva eficàcia sense més «crisi», si es vol utilitzar aquest mot, que les pròpies del seu creixement»

**«UN POLITIC HONRAT»**

Hem demanat a Trias Fargas que ens ampliés el contingut de la nota amb la seva opinió personal. Ens ha dit que no era autoritzat a fer-ho, car l'acord de la direcció del partit era de limitar totes les opinions sobre l'afer a la nota suara reproduida.

En ha dit, però que a nivell personal, sentia «un gran respecte i simpatia per Jaume Casanovas, un homme honrat com a persona i com a polític».

**MALLORCA**

## L'Albufera d'Alcúdia, salvada

### El ministeri ordena que es retorni al seu estat natural

El ministeri de l'Habitatge, per mitjà de la Direcció General d'Urbanisme, ha cursat instruccions als Ajuntaments afectats perquè ordenin l'atur urgent de totes les obres de desguassament de cendres calentes dins l'albufera d'Alcúdia i així no es continuï la dessecació d'una de les zones humides més importants de la Mediterrània.

Als terrenys de l'albufera, segons pareix, es volia projectar una gran urbanització que la faria seguir el mateix camí de l'albufera del Grau de Maó a Menorca. Aquest fet havia despertat una gran polèmica a nivell nacional i sobretot dins els medis científics.

L'Obra Cultural Balear i la Societat d'Ornitologia havien denunciat el fet a tots els organismes relacionats amb el turisme, la natura i l'urbanisme i l'administració local. Ara el ministeri ha adreçat una comunicació a l'OCB en què explica les mesures establertes. Diu textualment: «1) Que per l'Ajuntament d'Alcúdia ha estat ordenada la immediata paralització de les obres que afecten el llac Esperança. 2) Que la Comissió Provincial d'Urbanisme, en acorder l'estudi del pla parcial d'ordenació urbana corresponent, ha ordenat al promotor que torni a deixar el llac en el mateix estat que es trobava abans de començar les obres de dessecament amb cendres calentes. 3) Que la Delegació Provincial, quan tengui coneixement per part del mateix propietari que es realitzava un dessecament paral·lel a Muro, ha oficiat urgentment a aquesta corporació perquè procedeixi a l'atur de les obres.»

Amb aquests acords, l'Esperança, la zona de l'Albufera d'Alcúdia fins ara més afectada pels abocaments, podrà veure potenciat el seu repoblament forestal i recuperar la força ecològica perduda, segons indiquen els membres de la Societat Ornitològica Balear.

**SUSPENSIO DE LA SUBHASTA DE L'AUDITORIUM**

Ha estat suspesa, per tercera vegada, la subhasta de l'auditòrium del Poble Espanyol i Palau de Congressos de Ciutat de Mallorca. Aquesta subhasta es produïa a instàncies del Banc de Crèdit a la Construcció, entitat acreedora de l'empresa propietària del teatre.

**SEBASTIA BERT**



# DUBA GRATULO

La 1o-an de januaro 1976 estis fondita en Milano, Italio, la "Centro Internacia Escarrê pri la Minoritatoj Etnaj kaj Naciaj" (CIEMEN), kiu en aprilo publikigis la unuan numeron de sia revuo "Minoranze". La celo de CIEMEN estas konatigi la problemaron de la etnaj kaj naciaj minoritatoj kaj kunlabori por la jura, socia kaj kultura agnosko de tiuj grupoj. La projektoj de tiu ĉi nova institucio estas kreado de specialigita biblioteko, funkciigo de informservo kaj subtenado de publikigoj kaj kulturaj manifestacioj pri tiu ĉi afero. Kunlaboro kun aliaj simildirektaj asocioj ktp. estas planata.

La nomo "Escarrê" estas elektita memore pri la abato Aureli Escarrê, unu el la reformemuloj de la eklezio en Katalunio, ekziliĝinta en 1965 en Milano kaj laborinta multe favore al la minoritatoj.

En nian gratulon al CIEMEN pro fondiĝo kaj ekaktivo falas guteto da hezita amaro: Ĉu la minoritatistoj organizitaj jam en granda aro da asocioj, institucioj, kluboj, partioj ktp. tute ne vidas la nepran neceson u n u i g i siajn klopodojn por esti respektataj flanke de la potenculoj?

Por eventualaj kontaktoj jen la adreso de CIEMEN:

CENTRO INTERNAZIONALE ESCARRÉ SULLE MINORANZE ETNICHE
E NAZIONALE (CIEMEN)
Via De Amicis, 17, I - 2o123 Milano.

---

# NOVA SEMINARIO-RAPORTO

Ĵus aperis - iuj dirus: iom malfrue - plia raportovolumo pri la seminarioj "Lingvo kaj malkoloniigo - interne kaj ekstere de Eŭropo" (Fredericia, Danlando, 2o. - 26. o7. 1975) kaj "La rolo de lingvo kaj kulturo en politika subpremado" (Coimbra, Portugalio, o5. - 11. 1o. 1975). La A-4-formata kaj proksimume 12o-paĝa kajero enhavas jenajn tekstojn:

- Raporto pri la seminario "Lingvo kaj malkoloniigo ..." - Lingvo kaj nacia liberigo (L.J.Calvet) - La rolo de lingvo en procezo de subevoluado (G. Roberts) - Madrido kaj la norda periferio de Hispanio (U.J.Moritz) - Lingvopolitiko (P.V.Bagger) - Pri Federacia Unuiĝo de Eŭropaj Naciecoj (O.Meinhardt) - Lingva kaj kultura imperiismo en portugalaj kolonioj (aŭtora kolektivo de verdkabanoj) - Mito pri la franca civilizo en Alĝerio (R.Dobrzyński/J.Gutkowska) - La lingva lukto en Bretonio (P.Denez) - Notoj pri la politika uzo de lingvo (M.La Torre) - Marksismo kaj lingvistiko (E.Mello) - Kulturo kaj lingvo en politika subpremado (Bretona Demokrata Unuiĝo) - Kultura subpremado en Galegio, konsekvence de politika kaj ekonomia imperiismo (Unuiĝo de la Popolo Galega) - Mesaĝo al la seminario en Coimbra (diversaj revoluciaj organizoj de Galegio, Bretonio, Eŭskadio, Kimrio, Irlando kaj Katalunio) - Konkluda dokumento de Coimbra.

Tiu ĉi eldonaĵo kostas 5,-- nederlandajn guldenojn (+ sendokostojn) kaj estas mendebla ĉe: Komisiono por Eksteraj Rilatoj de Tutmonda Esperantista Junulara Organizo, Riouwstraat 172, NL-2o11 Den Haag.

# INDIANOJ KAJ ‹ETNISMO›

Jen kaj jen nin atingas malgrandaj mencioj pri tiu ĉi bulteno fare de veraj gazetoj kaj revuoj. Ni ne kaŝas nian kontenton. Ŝajnas al ni utile ke laŭeble multaj homoj sciu pri la ekzisto (vegetado?) de ETNISMO, ĉar tiel oni iomete okupiĝas pri la problemoj de minoritatoj kaj ĉar tiel oni eventuale ekkonscias pri tio ke la Internacia Lingvo estas - aŭ povas esti - instrumento por defendi minacatajn kulturojn.

Ĉi-paĝe ni reproduktas la lastan mencion kiu aperis en taggazeto de Gallup, Novmeksiko, Usono. Nia tiea korespondantino, s-ino Orloff Stone, jen jam liveras plian kontribuaĵon koncerne indianajn problemojn:

## POR KAJ KONTRAŬ LERNADO DE LA INDIANAJ LINGVOJ

Indianaj gepatroj,
Akoma-Laguna por
rimedoj, vigle
por instrui la

Kelkaj gepa-
versiĝo de
gepatroj
ni ordo-
sanan."
medoj
me-

patroj ku-
nun multaj
tas trookupi-
infanoj. Ni be-
en la infanvar-
nejoj." "Mi havas
postenoj, kaj ili
rolas la lingvon kaj
ĉel ni kiuj ja parolas la
ĝin bone."

kunveninte ĉe la gimnazio
diskuti la uzadon de financaj
debatis pri starigo de kursoj
keresanan lingvon.

troj maltrankviliĝis pro ŝajna in-
valoroj: "Kiam mi estis infano, la
ordonis al mi lerni la anglan. Nun
nu al niaj infanoj lerni la kere-
Alia patro opiniis ke la ri-
estus pli efike uzataj por
tiaj kursoj: "Se niaj in-
fanoj ne interesiĝas pri
nia lingvo, keresana lin-
gvokurso estus malŝparo de
mono." Tiun ĉi opozicion
moderigis multegaj respondoj:
"Indianoj naskiĝis kun indianaj
moroj kaj indiana lingvo. Tiuj
indianoj, kiuj provis lerni la
morojn kaj lingvon de la blankhaŭ-
tuloj, revenis al la rezervejo. Nun-
tempe oni devas havi edukadon por
progresi en la mondo. Tiuj indianaj
lernantoj, kiuj profitas edukadon
kaj poste revenas sen scio pri
la indianaj lingvoj, estas apar-
tigitaj, kiam ili provas helpi."
"Kiel gepatroj ni devas in-
strui la lingvon al niaj
infanoj. Antaŭe la ge-
timis esti hejme, sed
laboras, kaj ili es-
taj por instrui al la
zonas lingvoprogramojn
tejoj kaj elementaj ler-
du gefilojn en medicinaj
sentas ke ili ne sufiĉe pa-
ili volus scii pli. Eĉ tiuj
keresanan lingvon, ne parolas

Page 2—The Gallup NM Independent—Wednesday, April 14, 1976

## Now They Know about Us in Esperanto

By HARVEY WHITE ILL, Manager Gallup-McKinley Chamber of Commerce

Have you ever visited Novmeksiko, Usono? Before you scurry off to look it up in your atlas, we will tell you that you live in a part of it.

The other day Mrs. James Stone dropped in to show us an article she had written and had been published in the periodical Etnismo. The article concerns American Indians and their way of life. The complete story is written in the Esperanto language, except for those few words or phrases for which there is no apparent translation. One such work is Gallup, which stands out for us in the article. Novmeksiko means New Mexico, of course, and Usono means the United States. Come to think of it, if you say Novmeksiko rapidly, it comes out pretty close to the real thing.

Esperanto is an invented language intended for international, chiefly European use. It is form on word bases common to the main continental languages.

It oculd be a boon to the poor English student. All nouns, for instance, end in "o" and all adjectives end with an "a". We are not sure what Mrs. Stone had to say about oru Indian neighbors, but we are pleased that she mentioned Gallup several times, Zuni a few times, and we even found Rock Point, Ariz. mentioned. Those words were easy to find in the three-page article.

Instruisto ĉe la lernejo de Sky City en Akoma komentis ke dulingva edukado ŝajnas esti la plej bona solvo, kaj li aldonis: "Kiam mi koleras al la infanoj en la angla, tio ne estas efika, sed kiam mi koleras en mia propra lingvo, ili scias ke mi estas serioza." Instruisto de eksperimenta legoprogramo esprimis similan opinion: "Indianaj lernoproblemoj ekzistas ĉefe pro malfacilaĵoj pri la lingvo. Kelkafoje, kiam ili ne komprenas angle, mi povas klarigi keresane kaj ili ja komprenas, kaj inverse ankaŭ okazas." Alian kialon por antaŭenigi la keresanan lingvoinstruadon iu viro vidis en tio ke multaj el la indianoj estas "produktoj" de BIA (Buroo de Indianaj Aferoj), t.e. ke ili estas edukitaj al nescio de sia etna lingvo.

La keresana lingvoprogramo estu financata per 74.328 dolaroj el la titolo IV de la Leĝo pri Indiana Edukado el 1972. La administracio ordonis apartigi tiun kapitalon por "programoj speciale destinitaj por plenumi la specifajn edukbezonojn de indianaj infanoj". Krom por por la lingvoprogramo keresana la mono estas uzenda por la legoprogramo, por gvidkonsilisto, du sociaj laboristoj, librotenisto, sekretario, programoj pri legado kaj matematiko, sporto, universitataj stipendioj ktp. La gvidanto de la komence menciita gepatra kunveno klarigis ke la subvencio senteble pligrandiĝis kaj eĉ baldaŭ denove pliampleksiĝos: en februaro 1975 disponeblis nur 68.000 kaj en julio 1976 estos 89.000 dolaroj. Tiu kunvenestro, Robert Brown, responde al demandoj klarigis ke helpistoj en la lingvoprogramo kapablu paroli kaj esprimi sin bone en ambaŭ dialektoj de la keresana lingvo kaj ke ili planu ĉeesti kursojn ĉe la universitato dum la somero. Unu tia lingvoprogramo jam funkcias ĉe la municipa lernejo de Sky City.

Unu lernanto diris: "Mi ĝojas pro tio ke gepatroj vidas la neceson de lingvo-instrua programo. Mi volus ke ili vidintus tion pli frue. Se ni volas trovi laboron en la indiana rezervejo, ni devas paroli indiane. Kelkaj lernantoj parolas miksaĵon de indiana kaj la angla lingvoj. Por akiri postenojn kiel sociaj laboristoj ni devas paroli indiane."

Lingvoinstruisto memoris ke antaŭe, kiam ekzistis neniuj lerniloj ... krom la lingvo mem, ili komencis surbendigi rakontojn kaj fabelojn. Brown fine diris ke la lingvoeksperimento pri la keresana estos tre malfacila, sed ke ĝia ĉefa protagonisto, Victor Saracino, neŝanceleble antaŭenpuŝas ĝin, kaj ke eventuale - post iom da tempo - oni konsideros la keresanan lingvon "fremdlingvo", kies lernado alportos poentojn.

(Laŭ artikolo en "Reporter" de Milan, Novmeksiko, 12. o2. 1976, tradukita de Roan Orloff Stone)

# THREE POINT PROGRAM




La Amerika Indiana Movado (AIM) estas ŝajne la plej batalema grupo inter tiuj kiuj defendas indianajn rajtojn. Antaŭ malmultaj jaroj AIM prezentis koncizan tripunktan programon:

1) Kontrakto-Komisiono de la Senata Komitato pri Eksterlandaj Aferoj ekzamenu la 371 kontraktojn faritajn kaj malrespektatajn inter Usono kaj la indianoj,

kaj ĉiuj kontraktitaj rajtoj estu realigitaj,

2) nuligo de la Indiana Reorganiza Leĝo de 1934, kiu estis la ĉefa ilo uzata por rabadi indianajn terenojn kaj por starigo de rezervejaj estraroj regataj fakte de blankhaŭtuloj,

3) forigo de la Buroo de Indianaj Aferoj el la Ministerio pri Internaj Aferoj kaj ĝia transformo en sendependan indiane kontrolatan institucion.

Tiu AIM suferis dum 1975 seriozan krizon, kiam evidentiĝis ke unu el ĝiaj gvidantoj estas agento de la usona polico. Tre baldaŭ tiu spiono, Douglas Durham, transiris al la politika dekstro kaj propagandis ke AIM estas ..... k o m u n i s m a organizo ! Durham montriĝis post kelkaj esploroj tre sperta krimulo lerninta kaj praktikinta en la prostitua medio kaj mortiginta sian edzinon, dum li estis "normala" policisto. Supozeble AIM tre trafe atentigas ke la Durham-skandalo montras plej klare, kun k i a j homoj laboras la usona registaro.

La Amerika Indiana Movado skize prezentas sin mem (p. 29/3o de la broŝuro "Wounded Knee 189o - 1973", sen jarindiko, Sioux Falls (Suddakoto) / St. Paul (Minesoto), Usono):

AIM estis fondita la 28-an de julio 1968 en Minneapolis, Minesoto, por unuigi la pli ol 2o indianajn organizojn, kies aktiveco estis apenaŭ sentebla.

AIM havas 79 sekciojn, el kiuj 8 aktivas en Kanado.

AIM celas detrui la tri ĉefajn fortojn malamikajn al la indiana vivo: kristanismon, la edukadon orientitan laŭ la bezonoj de la blankhaŭtuloj kaj la federacian registaron. La indiana vivmaniero estas restarigenda en la kadro de indiana sin-determinado.

AIM havas rilatojn al similaj organizoj en Aŭstralio kaj aliloke.

La adreso de AIM estas: "American Indian Movement"
553 Aurora
St. Paul, Minnesota 551o3
Usono

---

# SOCILINGVISTOJ: UPSALO VOKAS VIN

La 9-a Tutmonda Kongreso de Sociologio okazos de la 14-a ĝis 2o-a de aŭgusto 1978 en Upsalo, Svedio. Gravan lokon okupas tiukadre la programo pri S O C I L I N G V I S T I K O: (1) lingvo kaj internaciaj rilatoj, (2) lingvo kaj etna interagado, (3) lingvo kaj sekso, ..... (6) sociologio de lingvo-lernado kaj -instruado, (7) lingvoplanado kaj sociekonomia evoluo ktp. Krom ok fakkunsidoj de la ĉefaj sekcioj okazos ankaŭ liberaj kunvenoj pri interesaj problemoj.

Koncerne ĉiajn detalojn turnu vin al:

Jonathan Pool
Department of Political Science
State University of New York at Stony Brook
Stony Brook, New York 11794
Usono



SKOL VREZONEG AR MERHER

# YANN, DIGOR AN NOR!

(Johano, malfermu la pordon!)

# PETRA RA YANN?

(Kion faras Johano?)

# DIGORI RA YANN AN NOR.

(Johano malfermas la pordon.)

Tiel sonas en multaj kursoj, en kiuj lernantoj studas fremdan lingvon kaj se la instruistoj profitas el la ĉiutagaj situacioj por apliki unuajn konojn. La bretonan ni povus anstataŭigi per kiu ajn alia lingvo. Tamen, se oni instruas la bretonan en Bretonio al bretonoj fare de bretonoj, la afero jam ne plu aspektas tiel normala. Nu, ne necesas detalumi pri la fakto ke la bretonan lingvon nur iom post iom la francaj aŭtoritatoj allasis en la lernejajn aktivecojn: nur 800 kandidatoj elektis tiun ĉi lingvon kiel fakultativan ekzamenfakon por abiturientiĝo. Neniu havu la ideon de deviga lernado de la propra lingvo!

En tia situacio la kulture subpremata popolo serĉas kaj kutime ja trovas - almenaŭ minimuman - eliron. Unu el la multaj bretonaj aktivistoj, André Le Mercier, konata ankaŭ pro internacilingva agado, kreis en januaro 1975 libervolajn kursojn por infanoj inter proksimume 4 kaj 14 jaroj. Tiuj ĉi kursoj okazas dum 2 horoj de la ĝenerale libera merkreda posttagmezo. La instruistoj aplikas modernajn metodojn kaj uzas konvenajn helpilojn aŭd-vidajn kaj aŭd-parolajn. Le Mercier kaj liaj gekolegoj estas tre surprizitaj pro la grandega eĥo, kiun trafis ilia iniciato: Le Mercier imagis trovi du aŭ tri kolegojn, kiuj en siaj alispecaj kromaktivecoj por lernantoj akceptus kelkajn lernantojn por praktiki kun ili la bretonan, sed nun estas 18 geinstruistoj eĉ nur en Bresto kunlaborantaj, kaj el dudeko da esperataj gelernantoj rezultis 195! Ili venas el plej diversaj sociaj grupoj kaj same el bretonparolantaj kiel el francparolantaj familioj.






aktuala teritorio de la bretona lingvo

Simile kiel aliaj etnaj minoritatoj bretonoj organizas plurajn studsemajnojn, somerajn universitatojn ktp. por antaŭenigi lernadon de la propraetna lingvo. Oni taksas ke inter 10.000 kaj 20.000 personoj estas nun lernantaj ĝin.

Tamen ne temas ĉi tie kiel aliloke nur pri lingva, kultura problemo .....

Kiel ni menciis en ETNISMO 11, la vaste konata bretona politikisto kaj verkisto YANN FOUERE estis arestita la 24-an de oktobro 1975 sub suspekto de refondo de malpermesita partio, la "Fronto de Liberigo de Bretonio" (FLB) kaj pro posedo de eksplodaĵoj. Ĝis la 12-a de februaro 1976 Fouéré estis en enketmalliberejo sen esti oficiale akuzita pro la menciitaj faroj. Intervenis pluraj en- kaj eksterlandaj amikoj, politikistoj kaj asocioj. Plej multe supozeble efikis - ankaŭ propagande - la diversaj demarŝoj de kimraj deputitoj ĉe la francaj aŭtoritatoj kaj ĉe la Eŭropa Parlamento. Yann Fouéré kaj kelkaj kunarestitoj estas liberaj, aliaj ankoraŭ ne, sed ĉiukaze la veraj problemoj tute ne estas eĉ nur proksimigitaj al solvo: Kreskanta nombro da bretonoj - tute ne simpatiantaj kun teroristoj - identigas sin kun la postuloj de la kulturaj kaj aŭtonomistaj grupoj, kiuj agitadas por akiri socian justecon kaj kulturan plenrajtecon.

Dum longega periodo bretonoj elmigris al aliaj partoj de Francio, precipe al Parizo por trovi laboron aŭ por trovi pli bone pagatan laboron. Kvankam ankoraŭ en julio 1974 45 % de la bretonaj salajruloj perlaboris malpli ol 1.5oo,-- ff monate (tutfrancia mezumo: 32 %) kaj kvankam la senlaboreco pliakriĝas, multaj koncernatoj preferas resti en Bretonio ol serĉi rimedojn eksterregione.




Afiŝkampanjo favore al enkarcerigitaj bretonoj

Dum pasintaj jaroj jen kaj jen nefrancaj ĵurnaloj raportis pri manifestacioj de bretonaj kamparanoj, kiuj sin sentas trompataj de Parizo simile kiel laboristoj kaj same kiel preskaŭ ĉiuj homoj vivantaj en la periferio de la ŝtato.

De pluraj jaroj ripete atentigas la mondon pri Bretonio eksplodatencoj kaj aliaj teroraĵoj kontraŭ parizemaj politikistoj, instalaĵoj k.s. Transprenas responson ofte la menciita FLB, pri kiu iuj diras ke ĝi tute ne ekzistas kiel vera organizaĵo, sed ke sin nomas FLB ĉiuj grupetoj de atencemuloj kiuj plimalpli hazarde kuniĝas. Tamen, tiu interpretado ŝajnas iom tro naiva, ĉar ja troveblas konstantaj kontaktoj inter FLB kaj parencaj organizaĵoj eksterfranciaj.




Sed aktivas ankaŭ aliaspeca politika grupo, la 'Bretona Demokrata Unid' (BDU), kiu laboras tute publike kaj defendas bretonan aŭtonomion sub socialisma signo. Finfine ankaŭ Parizo komprenis ke BDU estas serioza faktoro en la eventuala regionigo de la franca ŝtato. Unu el la BDU-gvidantoj, la bresta histori-profesoro Ronan Le Prohon, estas tre respektata inter la plej diverstendencaj politikistoj.

(Fontoj: "Le Pelerin" 15.o2.76, "La Vie Catholique", nov. 1975, "La Croix" 29.11.1975)

## SEMINARIO EN ‹EŬROPA DOMO›:

# TERITORIA SEPARIĜO-CIVITANA RAJTO DE ETNAJ MINORITATOJ

La "Eŭropo-Domo" de Bad Marienberg (Rejnlando-Palatinato, FRG) organizis seminarion pri la temo "Naciaj minoritatoj kiel problemo de eŭropa katalogo de civitanaj rajtoj". De la 9-a ĝis 15-a de aprilo 1976 diskutis, gvide de Astolf Tomasek, proksimume 40 reprezentantoj de etnaj minoritatoj kaj aliaj interesatoj unue pri la aktuala situacio kaj due pri la postuloj de la malplimultoj en la ŝtatoj-membroj de la Eŭropaj Komunumoj (EK) kaj Aŭstrio kaj Hispanio. Partoprenis katalunoj el Hispanio kaj Francio, bretono, alzacanoj, flandro el Belgio, frisoj el Nederlando kaj FRG, kimro, sloveno el Triesto, kroato el Burgenlando (Aŭstrio), francoj el la Aosta Valo, "Walser"-germano el la Aosta Valo, piemontano, luksemburgiano, francoj kaj germanoj.

Enkonduke Tomasek atentigis pri la eventuala subteno amasa ĉerpebla en medioj de minoritatoj por la finfina unuiĝo de Eŭropo. Pro la fakto ke preskaŭ ĉiuj limoj prezentas etnajn minoritatojn unu- kaj aliflanke, tiuj grupoj havas evidentan "zipo"-funkcion por la pliintensigo de la rilatoj inter la eŭropaj popoloj. Li riproĉis al la Komisiono de la EK ne havi koncepton pri la pozicio de la etnaj minoritatoj en estonta Eŭropo. Tial estu tasko de tiu seminario proponi al la kompetentuloj pens(ig)o-helpon.

En tri grupoj la seminarianoj klopodis dum multaj horoj skizi la aktualan situacion en ŝtatoj de ekstreme intensa subpremado de la minoritatoj (Francio kaj Hispanio), en ŝtatoj de meza subpremado (Italio kaj Aŭstrio) kaj en ŝtatoj de malforta subpremado (Danlando, Nederlando kaj FRG), dum Grandbritio kaj Belgion oni menciis nur flanke kaj Luksemburgio kaj Irlando restis tute ekster konsidero (pro ne diritaj kaŭzoj). La vidpunktoj estis jenaj: individuaj, grupaj, kulturaj, ekonomiaj, socialaj, politikaj kaj regionaj rajtoj de la minoritat(an)oj. Disputo sufiĉe akra okazis nur en la meza grupo, kie Rudolf Breschar, kiel reprezentanto de la obskura "Freundeskreis Südtirol" (t.e. "Amikaro de Sudtirolo"), kompreneble riproĉadis al la itala ŝtato malrespekti la proprajn promesojn (kion substrekis la francoj, germano, sloveno kaj piemontano, civitanoj de Italio) por samspire aserti ke Aŭstrio lasas al siaj minoritatoj plej ampleksajn liberecojn kaj eĉ faras pli ol ĝi devus. Tute same "raportas" la informilo "Südtirol" de tiu menciita organizo en sia numero de majo/junio 1976 pri la seminario en Bad Marienberg, dirante ke ĉiuj favorantoj de la kroatoj kaj slovenoj de Aŭstrio (ekzemple Kornfeind, kroato de Burgenlando, Pahor, sloveno de Triesto, Burat, piemontano, Meinhardt, dano el FRG kaj ĝenerala sekretario de FUEEM, same kiel la eldonanto de ETNISMO) estas misinformitaj flanke de la slovenoj kaj ke Breschar ĝustigis la informojn! La kulmino de i m p e r t i n e n t e c o de tiuj ŝajn-minoritatistoj ĉirkaŭ Breschar kaj la "Südtirol"-eldonanto Destaller estas la frazo: "En la Respubliko Aŭstrio verdire neniam ekzistis problemoj de minoritatoj, ĉar plena samrajteco estis donata sur ĉiuj kampoj de la vivo al ĉiuj etnaj grupoj." ("Südtirol", majo/junio 1976, p. 7, 1-a kolumno) Oni sciu ke Breschar estis membro de AIDMLK ĝis antaŭ 3 aŭ 4 jaroj, tamen la "Amikaro de Sudtirolo" ankoraŭ estas membro ..... - Nu, Breschar estis komplete izolita dum tiu seminario.

La dua fazo de la seminario enhavis la klopodojn formuli la postulojn de la minoritatoj, kaj jen aperis pli kaj pli da malfacilaĵoj por trovi komunan bazon por la ofte tre diferencaj situacioj.

Estas preskaŭ tro banale por ripeti ke oni komplete senkreditiĝus, se oni postulus por unue nombre malgrandega (ekzemple: 3.ooo-persona) kaj due tute dise loĝanta etna grupo teritorian aŭtonomion, ĉiugradajn apartajn lernejojn kaj ekskluzive ilialingvajn amaskomunikilojn (taggazetojn, radion kaj televidon). Por tiaj minoritatoj oni rajtus postuli evidente nur individuan samrajtecon kun ĉiuj aliaj civitanoj, partan programon de radio kaj televido en la minoritata lingvo, kelkajn artikolojn tiulingvajn en la lokaj aŭ regionaj ĵurnaloj, subvenciojn por kulturaj aktivecoj, apartajn kursojn pri kaj en la koncernata lingvo (tamen en la kadro de la ordinara lerneja programo, tradukservon ĉe la municipa administracio kaj similaĵojn. Sed ..... bedaŭrinde multaj minoritatoj nekompareble pli grandaj ol nia teoria grupeto estus nuntempe kontentaj, se la ŝtato lasus al ili tiujn minimumajn rajtojn kaj eblecojn! - Estas granda diferenco, ĉu minoritato loĝas tuj apudlime najbare al sia "patrino" aŭ ĉu ĝi estas insula. La apudlimeco de la italiaj slovenoj faciligas la interrilatojn kun "patrina" Slovenio, sed la sama faktoro estas neŭtraligita, kaze de la aŭstriaj slovenoj, per la altega montaro de la Karavankoj. Tiu apudlimeco, en la nuna politika situacio de la tri koncernataj ŝtatoj, donas ripete okazon por suspektoj de minaco: Ĉu la slovenoj tamen ne celas aneksigi sudan Karintion kaj Trieston en Jugoslavion? Jes ja, ili - aŭ prefere: kelkaj el ili - tion deziris ..... kiam Aŭstrio kaj Italio estis faŝismaj kaj ankoraŭ kiam ambaŭ ŝtatoj ne estis promesplenaj koncerne socialan plibonigon.

La raportoj de la studgrupoj estis prezentitaj en la plenkunsido, sed ili estas tiel ampleksaj ke ne eblas ilin ĉi tie eĉ nur resumi. Ni tamen ne volas malatenti la fakton ke la seminarianoj ĝenerale subtenis la rajton de ĉiu minoritato pri teritoria disiĝo de la nuna ŝtato --- postulo ne tre ofte aŭdebla plu en Europo malgraŭ multaj krioj favore al memdeterminado de la popoloj.

Kadre de la seminario referis advokato Klauder kaj d-ro Hilf pri la jura situacio de la minoritatoj kaj pri la eventualoj por minoritatoj atingi plibonigon per la EK. La konkludo estis ke nun ekzistas neniu efektiva jura protekto de etnaj grupoj (kvankam ja de individuoj) kaj ke la Romaj Kontraktoj de la EK ne enhavas punkton, kies neplenumon oni povus riproĉi al ŝtato-membro por realigi minoritatajn postulojn.

Ampleksa raporto estos redaktita de aparta skipo kaj sendita al diversaj instancoj de la EK.

Tiu ĉi seminario estis certe ne nur interesa, sed ankaŭ utila, ĉar ĝi kunvenigis homojn el sufiĉe diferencaj tendencoj. La intervenoj de sudeŭropanoj jen kaj jen ŝokis la nordulojn pro la grandega investo de parolenergio kaj la rapida ekscitiĝo. (Supozeble la sudeŭropanoj ne estis tre kontentaj pri la sekeco kaj malvarmeco, kiuj gvidis la nordulojn en la pensado kaj argumentado.) Ne restis kaŝite ke iuj minoritatistoj uzas terminologion apenaŭ kompreneblan: Ili malaprobas la nocion "minoritato" dirante ke en Bretonio, Alzaco kaj Katalunio la bretonoj, alzacanoj kaj katalunoj estas plimulto kaj forgesante ke, unue, tute ne en ĉiuj etnaj regionoj la indiĝenoj estas ankoraŭ pli multaj, due, inter la indiĝenoj ekzistas amaso da kvereloj, malharmonio kaj disigaj tendencoj, kaj, trie, la ŝtata potenco NE estas en la manoj de tiuj periferiaj grupoj kaj en la kadro de la tuta ŝtato tiuj ĉi grupoj - bedaŭrinde - ja estas plej klare minoritataj!

Kiel parolis la seminarianoj? "Kompreneble" germane kaj france! Tamen aŭdeblis jen kaj jen hezitaj voĉoj rekomendantaj alian solvon ..... por estonto.

**********************

Tiu ĉi gazeto, el kiu ni citis jam en la pasinta numero de ETNISMO, faris konsiderindan paŝon antaŭen: ĝi transformiĝis el dumonata en ĉ i u m o n a t a n, kionla dubantoj pri la vivanteco de la germana en Alzaco apenaŭ sukcesos interpreti kiel signon de formorto!
GRATULON !


ROT un WISS

N° 8 Mai 1976

DIE STIMME ELSASS-LOTHRINGENS

Paraît le 1er de chaque mois
Erscheint am 1. jedes Monats

Prix - Preis : 2.- F.

Abonnement minimum annuel/Jahresabonnement Mindestpreis : France/Inland : 20 F.- Etranger/Ausland : 30 F.

Paiements - Correspondance
Zahlungen - Korrespondenz an
"ROT un WISS"
B.P. 132 R/4 67004 Strasbourg-Cedex C.C.P. n° 143403H Strasbourg




La unua numero en la ritmo, la maja de 1976, enhavas militemajn artikolojn i.a. pri la transiro de la deputito de Saverne/Zabern (Alzaco) Adrien Zeller el la registara en la opozician kampon, pri la mizera sinteno de la franca edukministro rilate instruadon en la germana, pri la projekto de konstitucio por la nova svisa kantono Juraso, pri franciĝo de loknomoj en Alzaco, pri la manko de interesiĝo de la region-parlamentanoj pri regiona kulturo k.s.

---

# NEDERLANDAJ KURSOJ

En francia Flandrio, kie proksimume 100.000 personoj ankoraŭ praktikas la nederlandan lingvon respektive ties lokajn dialektojn, aktivas la "Michiel de Swaenkring" (t.e. "Michiel de Swaen-Rondo"). Ties studdosiero n-ro 3, aperinta en aprilo 1976, informas interalie pri tio ke dum la lernojaro 1975/76 studas la nederlandan lingvon en privataj kursoj 191 personoj, el kiuj pli ol triono estas eĉ ne 20-jaraj. La kursoj okazas en la gimnazioj de Duinkerke-Bergen kaj St. Jacques de Hazebrouck, en la urbodomo de Steenvoorde, en junulardomo kaj privatloĝeje. Instruas 8 personoj al lernemuloj de 3 diversaj gradoj.

Tiu instruado estas aparte grava por konservi kaj refortigi la nederlandan lingvon en la t.n. "Westhoek" de Francio, ĉar la centrisma ŝtato argumentas ke la nederlanda estas fremda nacia lingvo, do ne koncernata per la "Deixonne-leĝo" de 1951, per kiu tre hezite kaj tute ne kontentige komenciĝis la instruado de la bretona, okcitana, kataluna, eŭskera kaj nun, finfine, ankaŭ la korsa. La situacio do sufiĉe similas la alzacan, kvankam tie la franca registaro konsentis pri la Holderith-eksperimento.

La instru-aktivecoj de la "Michiel de Swaen-Rondo" estas pli kaj pli subtenataj, unue, de la enloĝantoj (en la antaŭa lernojaro la kursoj estis frekventataj de nur 70 personoj) kaj, due, de la politikistoj, el kiuj pluraj - almenaŭ morale - apogas tiujn ĉi klopodojn.

Adreso: "Cercle Michel de Swaen / Michiel de Swaenkring",
B.P. 9, F - 59240 Dunkerque / Duinkerke.

********************

# PLATDIĈE

La "Mesterkring" (t.e. instruista grupo) de la distrikto Oldenburgo (nordokcidenta Malsupra Saksio, FRG) kunvokis siajn membrojn kaj amikojn al la unua ĉi-jara kunveno al la vilaĝo Hohenkirchen apud Jever, preskaŭ ĉe la bordo de la Norda Maro. La 28-an de aprilo renkontiĝis proksimume 30 geinstruistoj, inter kiuj estis ankaŭ la kantona inspektoro (cetere, ne platdiĉo), por ĉeesti du lecionhorojn en la 4-a elementlerneja klaso (20 geknaboj 9-jaraj). La instruisto, post komuna kantado de platdiĉa versaĵo tre populara, voĉlegis platdiĉan historieton, kiun la infanoj devis sekve reprodukti. Jen la unua surprizo: Malgraŭ la preskaŭ ekskluzive platdiĉa parolado fare de la instruisto, la infanoj - je unu sola escepto - uzis la literaturgermanan! Tamen, la infanoj evidente komprenis ĉion en la platdiĉa, kaj la historieton kaj la demandojn de la instruisto. En la posta diskutado montriĝis ke nur kvar el tiuj infanoj hejme parolas platdiĉe. La aliaj kolegoj sugestis ke instruisto prave insistu ĉe la lernantoj en tia leciono respondi en la platdiĉa. - En la dua horo la infanoj devis lerni la nomojn de apudmaraj birdoj en la platdiĉa kaj kompari tiujn nomojn kun la germanaj. Ili bone ekkonis ke la platdiĉaj estas multe pli trafaj, ĉar ili utiligas la birdovokon por nomi la aŭtoron, dum la germanaj iukaze eĉ komplete miskondukas.

La instruisto, en la jam menciita diskutado, konfesis mem ne jam firmiĝinti kontentige en la platdiĉa, ĉar li estas aliaregionulo. Oni atentigis pri la ekzisto de sonbendoj kun historietoj por subteni la gekolegojn ne perfektajn, tamen instruemajn. Krome okazas ĉiujare kursoj pri la platdiĉa en ministeria domo en Dreibergen apud la lago de Bad Zwischenahn (20 km okcidente de Oldenburgo). La instruistoj kaj inspektoroj konstatas ke ĝenerale estas tro malmulta tempo en la horaro por instrui en/pri la platdiĉa. Kompreneble mankas ankaŭ tiucele edukitaj instruistoj, sed oni diskutas nun kun la universitato de Oldenburgo por starigi ĉi-temajn kursojn. La inspektoro esprimis sian opinion tre klare: ke oni vidu la realon, la fakton ke la germana en la kamparo ofte estas ankoraŭ kvazaŭ fremda lingvo, kaj ke la lernejo devus konduki la infanojn pere de la gepatra platdiĉa al legado kaj fine al la germana. Pluraj instruistoj kritikis la gepatrojn, kiuj ofte ne scipovas korekte la germanan, sed opinias ke la platdiĉa estas obstaklo por la lernado de la germana. La gepatroj ne pretas paroli platdiĉe kun la instruistoj, ĉar ili pensas ke la platdiĉa estas malplivalora.

La urbestro de Wangerland (al kiu apartenas la vilaĝo Hohenkirchen) bonvenigis la kunvenintojn, menciante la du ĉefajn ekonomiajn kolonojn (agrikulturon kaj turismon), laŭdante la dulingvecon de Irlando, kaj demandis kial la taggazetoj ne presas same platdiĉajn artikolojn krom la germanaj.

La FRG-sekretario de AIDMLK partoprenis la kunvenon kaj informis pri la agado de tiu asocio disdonante plurajn informilojn.

To groot de Hoot

Well van sik meent: he bruukt nix doon,
löppt dör de Welt as so een Clown
un dreggt sin Dünkel as een Hoot,
de för sin Kopp is väals to groot!

Een Minsk, de höger will herut,
fallt van allenig up sin Snuut,
wenn jüüst he denkt, dat Glück to sehn,
un pultert över sine Been.

"Tro granda la ĉapelo" estas la titolo de la ĉi-apuda poemeto de Dirk Heinrich, publicita en "De plattdüütsch Klenner up dat Jahr 1976", p. 41. Tiu kalendaro estas nur unu ekzemplo de platdiĉa literaturo aperanta tra tuta norda FRG kaj ne nepre montranta morton de tiu ĉi lingvo.

# AIDMLK INVITAS AL:

## CHÂTILLON

La sekvanta kongreso / membrokunveno de la ASOCIO INTERNACIA POR LA DEFENDO DE LA MINACATAJ LINGVOJ KAJ KULTUROJ (AIDMLK) okazos la 24-an kaj 25-an de julio 1976 en Châtillon (Aosta Valo, plej nordokcidenta Italio). La kongresanoj tranoktos, manĝos kaj laboros en la internato Gervasone, kie plena pensiono kostos nur 5.000,- lirojn (proksimume 17,-- ng/gm) ĉiutage. Tiun malaltegan prezon kaŭzas interalie la 6-ĝis 8-litaj ĉambroj.

Estas proponita jena tagordo, kiun kompletigos kaj definitivigos la Ĝenerala Asembleo:

1) sinprezento de la kongresanoj, 2) akcepto de novaj membroj, 3) elekto de la reprezentantoj de la individuaj membroj, 4) raporto de la ĝenerala sekretario, 5) kasraporto de la trezoristo, 6) starigo de komisionoj, 7) komisiona laboro, 8) diskuto pri la komisionaj raportoj, 9) senŝarĝigo kaj novelekto de la Federacia Konsilantaro kaj de la Federacia Estraro, 10) diversaĵoj.

Por la rapida plenumo de la kongresaj formalaĵoj estus certe tre utile, se la kongresanoj alvenos jam la 23-an de julio matene aŭ plej malfrue posttagmeze.

Aliĝu ĉe: Jordi Costa i Roca, ĝenerala sekretario de AIDMLK,
22 rue J.-B. Greuze, F - 66000 Perpignan.

## ATENO

En la kadro de la 61-a Universala Kongreso de Esperanto en Ateno, inter la 31-a de julio kaj la 7-a de aŭgusto 1976, okazos fakkunsido de AIDMLK pri la temo

### LA SITUACIO DE LA ETNAJ MINORITATOJ EN SUDORIENTA EŬROPO

**VENDREDON, LA 6-AN DE AŬGUSTO 1976 JE LA 11.30 HORO**
**EN LA SALONO STAMATIADIS.**

La fakkunveno estos publika, ĝi daŭros 90 minutojn kaj konsistos el 3 partoj: enkonduka referaĵo, debato, ĝeneralaĵoj pri etnaj minoritatoj kaj la agado de AIDMLK.

---

EL LETERO DE NIA LEGANTO B.G. DE 29. 05. 76:

"... mi demandas, ĉu oni kredu ĉion, kion asertas la aktivuloj de etnaj minoritatoj. Pro diversaj kialoj, iliaj priskriboj de la stato de tiuj grupoj apenaŭ povas esti tiel objektivaj kiel tiu de senpartia, senpasia sociscienculo. Mi memoras, ke dum vojaĝo en Bretonujo kaj Provenco en 1963, mi malofte aŭdis parolataj la bretonan kaj okcitanan lingvojn, sed mi ja aŭdis multe da bruo pri ili. Kiom da homoj vere parolas la tiel nomatajn minoritatajn lingvojn, kaj je kiu nivelo estas la lingvo-scio, estas tre tiklaj demandoj. Miaopinie, estas ege grave indiki la fonton kaj la bazon de ĉiuj statistikoj. ..."

---

**ETNISMO** INFORMILO PRI ETNAJ PROBLEMOJ

Eldonas kaj redaktas: Uwe Joachim Moritz, Feldstr. 38, D-5190 Stolberg 8,
tel.: 49-2402-72336, poŝtĝirkonto: 232612-306 Hannover

ETNISMO aperas 3 fojojn jare. Tiu ĉi estas la dua numero de 1976.

JARABONO (kalendara jaro): 8,-- gm (Nepre ne sendu bankĉekojn!)